# Konstru-Forumo 21

Marto 2010

Jan Werner, <...@...>

## Enkonduke al la 21-a numero

Danke al la malnovaj kunlaborantoj nia nefacila traktado iom progresis, fermiĝis la temo 15 pri „spezo aŭ trafluo“, klariĝis nia rilato al la Hidraŭlika-sanitara terminaro de Blázquez, sed la vasta kaj konsiderinde komplika temo, nome la temaro 30 pri kanalizacio, estas plu aktuala kaj solvota. La problemo pri ambigua „taluso“, traktata kunlabore kun IFEF, estas analizita tiomgrade, ke d-ro H. Hoffmann, sekretario de la terminara kolektivo en IFEF eble povos la neakcepteblan dusencecon solvi. Mi petas lin pri lia almenaŭ persona starpunkto, en lia sekcio en FK de IFEF oni la temon traktos nur sekve.

Niaj iom novaj kunlaborantoj nemulte kontribuas, estas por mi malfacile diveni la kaŭzon. Ĉu la temoj ne interesas ilin, ĉu la temoj estas ekster la segmento de ilia profesio? Mi ŝatus de ili ricevi respondon almenaŭ je la ĉi tie diritaj esploraj demandoj. Kiu ne deziras esti kalkulata al la forumo, sed deziras nur legi nian dokumneton KF, informu min, ke vi deziras esti nur „leganto“, ne „kunlaboranto-forumano“.

Mi mem tre malfacile plenumas taskojn, kiujn mi antaŭ certa tempo anoncis: la ladistan kompendion (preta duone) kaj la tekston pri varmteĥnika fiziko, kiu estos konsultata kun internacia skipo fizikista (malnetaĵon mi disponigis pro konsulto al Fabien). Al la reviziintoj de NPIV mi promesis kontrolon de la aktuala vortaro, ĉu estas en ĝi io korektinda; la taskon mi ne povos plenumi sola kaj serĉas vian helpon.

La temojn – terminvakaĵojn – ni ne serĉas sisteme, sed ni ilin trovas spontane. Estas bezone ilin registradi tuj en la fazo, kiam ili aperas, ĉu dum kompilado, ĉu dum legado. Ne preterlasu la mankojn en nia faka leksiko, bonvolu al mi anonci la nociojn, kies nomo en Esperanto mankas, aŭ vi suspektas ĝin malbona.

Kiel la lastan punkton de mia enkonduko mi prezentas la deziron, ke ni estu homoj sciantaj cedi antaŭ pravaj argumentoj, akcepti la starpunkton de la plimulto, eĉ se ĝi ne kongruas kun nia konscio plene. Se iu sentas la decidon de la plimulto malprava, nejusta, estas necese plu rezoni, kompreneble per argumentoj fortaj, ne per argumentoj bazitaj kvazaŭ „sur sablo“. Imagebla por mi estas ankaŭ la kazo, kiam ies kontraŭstaro estas principa, eĉ kontraŭ la starpunkto de la plimulto, kiam cedi ne estas eble. Ankaŭ tiu situacio ne rompu la emon plu kunlabori, la ceteraj respektu la rajton je individua decido en la propra praktiko.

## Jarkolekto de TAKE 2010

Artikolon promesis, provizore sen definitiva elekto de temo: Fabien van Mook (eble pri «fazoŝanĝaj materialoj»), Jan Werner (eble pri radiadŝirmaj betonoj), Đorđe Obradović planas traduki iun artikolon el slovena konstrufaka gazeto, eble pri kanalizacio, Rémy Bouchet ankoraŭ ne trovis temon. Bonvolu ne forgesi, ankaŭ la ceteraj. La aplikado de Esperanto en fakaj temoj estas grava por ties evoluo!

## Ankoraŭ pri la Hidraŭlika-sanitara terminaro de F. G. Blázquez

**Fabien van Mook** akceptas la nomojn de nocioj en la tabelo kun la noto: li ne spertas pri diversaj akvo-tipoj kaj akvo-tavoloj subsurfacaj, koncerne la formon «malpermeabla» li notas, ke li ne scias ĝin bone imagi, male li taksas ĝusta la formon «nepermeabla». La adjektivon «stacionara» li akceptas provizore. En la parto „Akveduktoj kaj drensistemoj“ Fabien akceptas la de **WE** komentitajn terminojn (vidu KF n-ro 20): 2, 3, 12, 14, 67, 68, 69, 70, 163, 164. Rimarkigoj de Fabien al tri ceteraj terminoj:

**6** – **kruda akvo** – li dubas pri utilo de la nocio por fakuloj. **WE**: Kruda akvo estas faka nomindiko por ĉiuj akvoj, kiuj alfluas al purigejo de rubakvoj (vidu KF 20, p. 117, sub 3).

**9** – **enfiltraj akvoj** – Fabien pretas akcepti «vadosa akvo», sed demandas: Kial ne «vadoza akvo»? **WE**: La vorto vadosa originas en la latina lingvo, kie estas *vadum* (neutra substantivo) = vadejo, malprofundaĵo, el kiu estas derivita la latina adjektivo *vadosus*. Mi konjektas, ke la latina derivilo (sufikso) -*os* respondas al la esperanta sufikso -oz. Tial mi nun pledas por **vadoza akvo** – akvo ensorbiĝinta en grundon de sur la tera surfaco. Mi opinias, ke la ceteraj forumanoj tiun ĉi modifon akceptas.

**10** – **malpuraj akvoj** – jen la noto de Fabien: Mi supozas, ke la nocio «malpura akvo» havas plurajn subspecojn, almenaŭ laŭ la kaŭzo de la malpureco: rubakvo = malpura akvo pro loĝeja aŭ industria uzo; poluita akvo = malpura akvo pro tio, ke en la natura medio aŭ dum la transporto kaj stokado en la akvon venis malpuraĵoj (poluaĵoj). **WE**: La esprimo „malpuraj akvoj“ prefere ne estu termino, sed ĝenerala plimalpli laika nomo por ĉiuj rubakvoj, do sinonimo. La subspecoj estas subordigitaj terminoj de la nocio rubakvo, ilin mi specigis en la 20-a KF, p. 117, sub la punkto 3 (nomitaj tie estas 17 specoj). En la terminologia fako: rubakvo = hiperonimo, la specoj estas ties hiponimoj.

## Kontaktoj

**Bronislav Ĉupin** informis min: Dum la lasta tempo mia vidado malboniĝis tiomgrade, ke mi ne povas multe legi kaj skribi. Do mi petas konsideri min kiel „leganto“ de KF. – Bronislav Ĉupin longtempe viciĝas al la kerna skipo de la KF-kunlaborantoj, la komuniko do estas tre malĝojiga, kompreneble ne nur pro nia perdo, sed unuavice pro sufero de la kolego, kies damaĝita vidkapablo limigas lian vivkomforton. Mi deziras al li, se ne estas reala pliboniĝo, ke almenaŭ la aktuala stato daŭru kaj ne malboniĝu.

Antaŭ jaro promesis al mi aktivan partoprenon la rusino Galina Terentieva. Ŝi informis min, ke ŝi konas la kolegon Ĉupin. Estus por ni utile, se Bronislav transdonus al ŝi siajn riĉajn spertojn kaj instigus ŝin vere partopreni nian traktadon. Pro sia junaĝo ŝi eble ne kuraĝas aktive enveni nian laborskipon, mi deziras, ke ŝi apartenu al la forumo. Estas ja utile havi kunlaboranton en la rusa lingva teritorio.

Ankoraŭ mi turnas min al Bronislav: Antaŭ jaroj vi estis kompilanta rusa-esperantan konstru-vortaron. Vi neniam informis nin pri ĝia stato. Ĉu vi povas pri la vortaro skribi koncizan informon por la Jarkolekto de TAKE 2010? Viaj spertoj, trovitaj problemoj, la aktuala stato de la vortaro – tio estas gravaj faktoj, pri kiuj la faka publiko sciu. Eble vi povus vian temon dikti al iu loka esperantisto, kiu ĝin poste sendus al ni. Mi petas pri tiutema respondo.

**Cziboly Jozsef** (HU, Budapeŝto). La informon pri li, konstruisto de pontoj, mi ricevis el EK Miskolc. Mi alparolis lin kaj ricevis la respondon: Mi volonte partoprenos en via laboro, sed nur post ĉirkaŭ 4-5 monatoj. En mia juna aĝo mi estis fervojisto, nun ano de IFEF. Maje okazos en Sofio kongreso de IFEF, por kiu mi preparas min. Kun intereso mi legos la rubrikon „Ni solvas termin-vakaĵojn“ kaj laŭ mia povo mi esprimos mian opinion. WE: Kara Jozefo, ni ŝate ricevos vian taksadon de la publikigitaj termin-proponoj.

**Ekspoeto Gazizi** (RU), tiel sin subskribis skribinto al la sekretario de TAKE, Edmond Ludwig. S-ro Gazizi laboris en vitrofara uzino, ĉe tegmentado de domoj per bitumaj materialoj, en beton-farejo, nun, kleriĝinta en domaj elektroinstalaj laboroj, li montras intereson pri la terminaro de tiu fako. Jes, por ni utila metio en la multfaceta konstru-fako. WE: Kolego Gazizi, informu nin, kiel vi imagas vian kontribuon en tiu direkto. Mi mem estas preta en la elektrista fako iom kunlabori. (Lia oferto: www.poeto.narod.ru/.)

**Michel Duc Goninaz** (2010-02-15): Ni evidente ne „postulis“, sed nur petis aŭ proponis. La venonta eldono (post du-tri jaroj) enhavos korektojn kaj modifetojn, kiuj ne okazigos ŝanĝojn en la enpaĝigo de PIV. Se vi rimarkis tiajn farendajn modifojn, via kontribuo estas bonvena. Se vi antaŭvidas gravajn ŝanĝojn, aldonojn de terminoj ks, restas al vi multa tempo por prilabori novan prezenton de via fako, ĉar tute renovigita eldono okazos certe post sufiĉe longa tempo. Kompreneble, modifoj estos pli facile kaj pli rapide enkondukeblaj, kiam ekestos la planita elektronika versio de PIV. Pro la nuna stato de nia labor-versio, **ni bedaŭrinde ne povas eltiri la artikolojn de iu difinita fako**. (↔ t.e. la respondo por Fabien.)

## Diskuto pri «recipiento»

**recipiento** (en akvomastruma fako) kutime estas akvofluo aŭ akvotenejo, kiuj en certa **riverbaseno** funkcias kiel natura defluiga elemento. Recipiento povas esti rivero, rojo (burno), (artefarita) fiŝlago, lago, vala digolago, tralasiva grunda tavolo, maro k.a. Recipiento defluigas surfacan akvon, kiu ne sorbiĝis en teron, akvon el flankaj alfluoj de riveroj kaj ankaŭ rubakvojn. RIM.: «Rubakvo» origine estas poluita, sed post ties purigo en speciala akvopurigejo ĝi estiĝas relative pura, sed tamen plu laŭnome rubakvo, rubakvo laŭ sia origino. Tiu purigita rubakvo do enfluas recipienton. Ne estas permesinde defluigadi tien malpurajn akvojn, kvankam tio okazas en regionoj subevoluintaj kaj nesufiĉe administrataj de ŝtataj higienaj establoj.

La termino «recipiento» vekas certan nevolon pro ĝia noveco. Supozeble pluraj el vi ne scias, ke recipiento estas derivaĵo el la latina verbo *recipere*, latina substantivo por „akceptejo“, „kolektujo“, „baseno“ estas nia seĉata *recipiens*, la genitiva formo: *recipientis*. Vere mi ne vidas iun obstaklon por ne akcepti tiun klasikan vorton por esperanta akvomastruma terminaro. Granda parto de la esperanta leksiko ja estas bazita sur la latino. – Kun recipiento estas ligitaj ankoraŭ aliaj nocioj, jen almenaŭ du:

**riverbaseno** – la baza hidrologia regiono, por kiu eblas fari hidrologian bilancon, karakteriza ĝi estas per tio, ke ĉiuj precipitaĵoj falintaj sur la areon de (river)baseno, defluas tra la fina (ferma) profilo de la koncerna akvofluo. La baseno estas geografie limita per linio formanta **basenan dislimon**. Ekvivalentoj: en: *water basin, drainage basin; underground water drainsage basin*; fr: *bassin versant, bassin de réception*; de: *Einzugsgebiet, Sammelgebiet, Flussgebiet, Wassereinzugsgebiet, Zuflussgebiet; Grundwassereinzugsgebiet*; ru: *басейн* [basejn], *водосбор* [vodosbor]. cs: *povodí*.

**basena dislimo** (basendislimo) **–** linio indikanta geografian limon inter riverbasenoj. Ekvivalentoj: en: (*drainage*) *divide, water shed divide, basin boundary*; fr: *ligne de partage des eaux*; de: *Wassrscheideline, Waseerscheide*; ru: *водораздельная линия* [vodorazdelnaja linija]; cs: *rozvodnice*.

Noto pri la franca «récipient»: En la ĉeĥa-franca teĥnika vortaro, 908-paĝa, verko de 49-membra aŭtora kolektivo, estas menciite nur: *recipient – récipient, récepteur*. Ĉu ĝi rilatas ankaŭ al kanalizacio?

## Kondukteco & konduktivo – responde al KF 18

**Fabien van Mook**

Bonegas, ke vi al la forumo enkondukis nur unu problemon en unu fojo. Mi scivolemas pri la reagoj de la aliaj forumanoj. Siatempe mi multe pensis pri mia starpunkto. Mi volas plu klarigi al la aliaj forumanoj mian starpunkton, en aliaj vortoj ol tiuj de mia artikolo, kaj reage al viaj argumentoj:

1) La grando *lambda*, por kiu ni serĉas bonan terminon, ja estas baze koeficiento de varmokondukto en la ekvacio, per kiu ni rilatigas spezon kun potencialo. (Se ni konsideras plurajn dimensiojn, ĝi estas tensoro, sed ne havas alian funkcion ol tiun de koeficiento.) La aferon ni konsideras en sufiĉe matematika vidpunkto, kaj ni interpretas la koeficienton kiel materialan proprecon kvazaŭ ne-variantan.
2) Tute logike ni povas nomi la grandon *lambda* «varmokondukta koeficiento» aŭ «varmokondukteco». La duan nomon mi elektas, ĉar la ideo de (propr)eco (!) estas per ĝi rekte esprimata, kaj per ĝi ni povas facile subkompreni kaj koeficientojn kaj tensorojn.
3) La propreco de materialo pri varmkondukto ne estas pasiva nek aktiva, laŭ mi. Ĝi simple neniel rilatas al aktivo aŭ pasivo en praktika senco. Ja temas pri iu fenomeno fizika, ne pri iu ago persona aŭ homa. Personigo de fizikaj fenomenoj ja eblas; tion oni faras precipe en parola aŭ poezia lingvaĵo, sed tion ni evitu en scienca aŭ teĥnika lingvaĵo.
4) En la scienca lingvaĵo pri fiziko oni ankaŭ atentu pri la verbo povi aŭ kapabli. Kutime oni emas uzi tiujn verbojn tro ofte, kio estas komprenebla en parola lingvaĵo, sed evitenda en la scienca lingvaĵo. Oni diras ekzemple: „Materialo M povas kondukti varmon.“ Sed reale la varmokondukto simple okazas, kvankam en certa grado depende de ties pria propreco. Absurde mi diras, ke la materialo M ja ne povas elekti, ĉu ekzemple hodiaŭ kondukti, ĉu morgaŭ ne. La troan uzon de „povi“ kaŭzas la emo de homoj personigi fenomenojn, laŭ mi. Mi limigas (provas limigi) la uzon de „povi“ ĉe fizikaj fenomenoj al la okazoj, en kiuj la efektiviĝo dependas de hazardo, probablo kaj ekstera cirkonstanco. (Kompreneble mi ĉi tie preterlasas la okazojn, en kiuj „povi“ dependas de permeso, volo kaj aliaj tiaj tipe homaj cirkonstancoj.)
5) La sufiksoido -iva signifas -pova aŭ -kapabla. Per ili oni sugestas ion, pri kio oni ne mencias, ĉu la efektiviĝo okazas aŭ ne. Tia ĉi modalo estas la kerno de povi kaj kapabli, kaj do ankaŭ de iva kaj ivo. La elemento -ivo havas iel kroman signifon kompare kun -eco. Tial mi skribis en mia artikolo pri terminoj en la rilato al varmotransiĝo, ke la formo kun -ivo ne donas pli precizan informon, kaj mi elektis la terminon „varmokondukteco“ kaj ne „varmokonduktivo“.
6) Vi prave konsideras internaciecon de terminoj. Ni ja strebu al internacieco de esperantaj terminoj. Sed ni distingu gradojn de internacieco de vortformoj, kaj ni ne forgesu ke la facileco de Esperanto estas tre grava atuto (eĉ grava kondiĉo) por ties internacia uzado. Iuj vortoj estas internacie tre konataj kaj ilia transpreno al Esperanto tre indas, ekzemple „vektoro“, „turbino“ kaj „demokratio“. (Vidu ĉe Andreas Kück http://www.ipernity.com/blog/55667/120693, kiu ekzamenis internaciajn vortojn en Esperanto, komparinte ilin eĉ kun la indonezia, la vjetnama, la turka k.a.) Ne eblas, ke por ĉiu nocio ni trovas vorton kun tiom alta grado de internacieco. Foje ni trovas kandidatan vorton, kiel „conductivity / conductivité/“ ktp., kiu havas ne tre altan gradon de internacieco, kaj tiam ni des pli konsideru la regulecon kaj facilecon de Esperanto. La formo „varmokondukteco“ logas ĝuste pro tio, ke ĝi parte respondas al internacia formo (kondukt-) kaj ĝi parte respondas al facila (rekta) kunmetaĵo de la ideoj (eco kondukti) (t.e. la ideoj, laŭ mia imago, do kadre de miaj punktoj 1, 3 kaj 4). Sciencistoj kaj teknikistoj (eĉ la aliaj) ja atendas regulecon kaj facilecon en la faka Esperanto kaj ili ne atendas troajn paŭsaĵojn el aliaj lingvoj.

## Ni solvas termin-vakaĵojn

**La temo 15 – spezo aŭ trafluo**. **Fabien**: Mi dankas al la respondintoj s-roj Ĉupin kaj Longue-Épée.

**La temo 30 – kanalizacio**. Al la temo sin esprimis Fabien van Mook, Claude Longue-Épée, Đorđe Obradović kaj Rémy Bouchet. La laste nomita precizigas la informon en la 20-a FK: Li konsentas pri la franca *récipient* laŭ la mencio de C. Longue-Épée en la **18-a** KF, p. 104, punkto b), ne en la 17-a KF. Ni sekvu la temon laŭ 8 punktoj formulitaj en TK 20, kiuj grupigas gamon da parencaj suborditaj nocioj:

1. **fremdaj akvoj**. Fabien: Kio estas «bar-foso»? **WE**: Laŭlonga sulka fosaĵo, kiu kaptas surface fluantan pluvakvon kaj defluigas ĝin for de la setleja kanalizita teritorio. La fos(aĵ)o baras la fluon de pluvakvo, kiu tiel ne povas eniri la kanalreton – la akvoj do estas **„fremdaj“** el la vidpunkto de la kanalizacia sistemo. En la angla lingvo mi trovis: *berm ditch, intercepting ditch* (*ditch* = fosaĵo; *berm* = bermo; *intercept* = bari). – La ceteraj akceptas sen iu rimarkigo.
2. **kanalizacio** – Ĉiuj komplete akceptas.
3. **rubakvo** – Fabien: Mi akceptas, krom du terminoj: (1) anstataŭ «urba aŭ komunuma rubakvo» (en la teksto vi ŝajne ankoraŭ ne finelektis inter ambaŭ) mi proponas «setleja rubakvo», ĉar «urba» ŝajnas

eksskludi vilaĝojn; (2) «maldensa» ŝajnas al mi konfuza; ĉu eble «polue maldensa»? **WE**: Fabien pravas, mi akceptas kaj «setleja rubakvo» kaj «polue maldensa rubakvo». – La ceteraj senrimarke akceptas.

4. **kanalizado**; 5. **kanalreto**; 6. **kanalo**; 7. **kloako, kloaka kanalo** – Fabien, Rémy kaj Claude akceptas la prezentitajn bazajn terminojn inkluzive de la suborditaj nocioj-terminoj.

5. **kanalreto** – rimarkigoj de **Đorđe**: Li korektas mian proponon separa kanalreto (kaj la adjektivon separita laŭ Blázquez) al separiga kanalreto; la formon unueca kanalreto (ankaŭ unik(ec)a laŭ Blázquez ) al separiga unueca kanalreto; anstataŭ semisepara li preferas duonsepara; krome li rekomendas miksa sistemo, verŝajne por la unueca kanalreta sistemo. **WE**: Kun la epiteto separiga mi ne povas konsenti, ĉar „separi“ estas transitiva verbo. La adjektiva formo „separa“ mem jam indikas celon de la kanalreto. La formo „separiga“ signifas, ke io (fakte kio?) faras la reton separa. (Estas necese konsciiĝi pri la funkcio de la sufikso -ig ĉe transitivaj verboj; vidu KF 20, p. 116 sube.) – „separiga unueca kanalreto“ ne havas logiklan sencon, ĝi ja povas esti aŭ separa aŭ unueca, miksita. – Duonsepara kanalreto estas ebla.

8. **recipiento** – **Fabien**: Mi provizore akceptas, sed mi preferus ĉi tie ne enkonduki neologismon. Sed taŭgan alternativan terminon mi ne havas. Ĉu eble «akcepta akvaro»? **WE**: La de vi iom hezite farita propono ne plaĉas al mi, ĝi havas karakteron de laika „priskriba nomo“. Jes, ankaŭ la angla *receiving body of water* aspektas tiel, sed anglaj fakuloj uzas ankaŭ *recipient*. Krome, **bonvolu legi kaj prikonsideri la apartan diskuton pri recipiento** metitan supre (p. 122). Eble ĝi konvinkos vin. – **Claude**: „Recipiento**“,** ĝia difino kaj la komentoj de vi donitaj lasas min daŭre perpleksa... Ĉiam pro mia kutimo uzi *„récipient“* en la franca senco kun tre preciza kaj konstanta signifo de „UJO“. **WE**: Mi kredas al vi, Rémy Bouchet konfirmas vian aserton. Sed estas necese liberiĝi de nacilingva „pragmata sperto“. La nomo etimologie devenas el la latina, vidu supre. La kolego **Rémy** citas la francan vortaron „Petit Robert“ pri *récipient*: „Kavigita ilo uzata por kolekti solidajn substancojn (ĉefe grajnajn kaj pulvorajn), likvajn kaj gasajn (ekz. (ladbotelo, kaserolo, cindrujo, cisterno, flakono, vazo),“ kaj daŭrigas: „La difino (KF 20, p. 118) pli proksimas al basenoj uzataj por puriga metodo, nomita (fr: *lagunage*) lagunado en NPIV (fr: *Bassin de décantation*), dekantado-baseno – baseno, kie oni pritraktas uzitajn akvojn.“ **WE**: Rémy fine montras la verbon „dekanti“ kiel probleman (prave). Vi mise komprenis la difinon! Recipiento ja ne estas iu fermebla ujo, nek puriga laguno aŭ baseno, sed natura akvaro (rivero, lago, maro, subsurfaca akvo). En recipienton oni ellasis (rub)akvon purigitan. La apartigo de solidaj malpuraĵoj okazas en purigejo precipe per sedimentiĝo, ne per dekantado. Fine de sia mesaĝo la kolego **Rémy** demandas: Kion opinias la aliaj pri tio? – **Đorđe** preterlasis la temon sen iu rimarkigo.

**Đorđe Obradović** en sia kontribuo (2010-02-22) riĉigis la temon de kanalizacio, vidu la sekvon:

**A.** Mi vidas ke ĉi-tie mankas grava parto de kanalizacio: **ŝaktoj** (aŭ trovi novan terminon)**.** Temas pri necesaj konstruobjektoj, kiuj ligas unuopajn partojn: kanalojn au branĉojn de kanaloj en unu funkciantan tutaĵon. Ŝ**aktoj** estas konstruktoj kun kutime kvarangula aŭ ronda horizontala sekco, fundo fermita aŭ nefermita, kaj kutime ŝtala kovraĵo, rezistanta al respektivaj ŝarĝoj. Ili povus esti faritaj el diversaj materialoj: betono, masonitaj el brikoj kun cementmortera surfaco, el plastoj, prefabrikitaj el betono. Laŭ destino oni povas dividi ilin al kelkaj grupoj:

1. **Kontrola ŝakto** servas por kontroli trafluon de la akvo kaj eventuala purigado de la tuboj (kanaloj).
2. **Kolekta ŝakto** situas en lokoj, kie kuniĝas du aŭ pli da kanaloj, kiuj daŭrigas per unu pli granda kanalo.
3. **Divida ŝakto** situas en la lokoj, kie oni dividas unu kanalon al pluraj.
4. **Malŝarĝiga ŝakto** situas en la lokoj, kie oni separas alvenantan kanalon al du sekvantaj. Kutime la malpli granda kanalo transprenas pli malpuran akvon al plua kanalizacio, kaj pli granda kanalo forkondukas malpli malpuran akvon al recipiento. Tio okazas nur dum la pluva periodo.
5. **Sifona ŝakto** servas por konduki la kanalon sub la akva fluo (rivereto aŭ la malfermita kanalo). Oni bezonas ambaŭflanke de la fluo unu tian ŝakton.

Mankas ankaŭ kelkaj aliaj kanalizaciaj objektoj:

**B. Retenaj basenoj** (fermitaj kaj malfermitaj) servas por faciligi forfluon de la akvo dum la grandaj pluvoj.

**C. Sinkoŝakto** (WE: prefere drenŝakto) estas cilindra konstrukto simila al puto sen fundo, profundaj estas ĝis la ensorbiva tavolo de la grundo. Parte estas plenigita per filtraj tavoloj, ĉe supro estas malplena spaco por la alvenanta pluvakvo kaj kontrolo.

**D. Lagunoj** estas konstruobjektoj en kiuj malpura akvo el fabrikoj aŭ bredejoj restas dum iu tempo. Dum tiu tempo la sedimentoj falas al fundo kaj organika parto putras, kio faciligas pluan procedon de purigado.

**E. Por malrapidigo de fluo** en kanaloj oni konstruas apartajn konstruktojn.

**F. Elflua konstrukto** servas por protekti bordon de recipiento kontraŭ detruo pro la elfluanta akvo el kanalo.

Aldonendaj estas objektoj, kiuj servas por malŝarĝi kanalizacion disde substancoj, kiuj povus ĝin damaĝi:

**I. Sablokaptilo (sedimentejo)** servas por apartigi sablon, kiu povas ŝtopi kanalojn. Ekzistas sablokaptiloj: **domaj, strataj kaj fina** (antaŭ enfluo al recipiento).

**II. Oleokaptilo** por kapti pezajn kaj malpezajn oleojn.
**III. Detergentokaptilo** por separi detergentojn el la akvo uzita en laborejoj kaj industrio.
**IV. Neŭtraligaj ŝaktoj** por kapti kaj apartigi kemiaĵojn el la akvo uzita en diversaj kemiaj laboratorioj kaj fabrikoj.

**WE**: La novan parton, liveritan de **Đorđe Obradović**, bonvolu trastudi kaj informi min pri via starpunkto. Krome, la temo 30 tiom pliampleksiĝis, ke estas dece pripensi, ĉu nia forumo rekompilu ĝin kaj konsistigu memstaran studaĵon kiel „Bazan terminaron pri kanalizacio“ (*Base terminology of sewerage*)… (?)

<u>**La temo 31 – Bazaj terminoj en konstrufaka varmteĥniko**</u>. – Đorđe Obradović: Ankaŭ mi preferas la terminojn varmorezistiva kaj varmokonduktiva.

**WE**: Pri la problemo de deriva sufikso en la nomoj de grandoj, kiel „kondukteco“ opone al „konduktivo“, jam esprimis sin pluraj el vi, sed Fabien van Mook deziras, ke vi ankoraŭ legu lian novan rezonadon pri la problemo. La koncerna teksto **Kondukteco & konduktivo** estas lokita supre (p. 123), post la *«Diskuto pri recipiento»*. Bonvolu legi la tekston, prikonsideri ĝin, kaj informi pri via opinio, pri via eventuala ŝanĝo de la opinio. Mi plutenas la konvinkon, ke la formo kun -iv estas pli logika kaj preferinda.

<u>**La temo 32 – Taluso**</u>. Mi ricevis kvar komunikojn:

**Fabien van Mook**: Al mi klaras, ke oni distingu la nociojn (A) altaĵo/ŝutaĵo/teraĵo/surtero kaj (B) deklivo. Mi demandas, ĉu ĉe la nocio (A) ni subdistingu (a) larĝajn (platformajn) disde (b) relative mallarĝaj kaj longaj. Nun mi preferas jenajn terminojn: (A) taluso por Ab, digo por la konstruaĵoj kun la celo bari akvon, (B) deklivo.

Eble interesa etimologia noto estas, ke la esperanta «digo» venis per la franca formo «digue» el la nederlanda «dijk». Internacie konata estas la uzo de **digoj kontraŭ inundo de rivero aŭ maro**. Tio ĉi estas la kutima signifo de «dijk», sed en la Nederlanda la vorto estas uzata ankaŭ por ajna mallarĝa kaj longa taluso, ekzemple por ŝoseo aŭ fervojo.

**Claude Longue-Épée**: Mi tute konsentas kun viaj difinoj (KF 20) pri „taluso“, „talusdeklivo“, „digo“; kaj pri la senco de la verbigitaj formoj de la koncernaj radikoj.

**Đorđe Obradović**: Mi estas por taluso kaj digo kiel tridimenziaj objektoj. Por la dekliva flanko de la taluso ekzistas ankaŭ la termino **eskarpo**.

**Rémy Bouchet**: Pri taluso mi ne havas precizan opinion.

**Zdeněk Rusín**, ĉeĥo, spertulo pri la hispana lingvo: 1) Granda hispana-ĉeĥa vortaro (Dubský, Praha, 1978): talud – (tradukite): taluso, ŝutaĵo, deklivo, kliniĝo. 2) Diccionario Salamanca (Universidad de Salamanca): **talud**: Inclinación (kliniĝo) de un terreno o de un muro; **talud continental**: Gran pendiente (deklivo, rifo) marina que pone en contacto la plataforma continental con los fondos oceánicos profundos.

**Provizora konkludo de WE**: Supozeble ni ĉiuj elektas **taluson** kiel tridimensian laŭlongan korpon el teraĵo, destinitan por komunika vorko – fervojo, ŝoseo, kiu estas plene finkonstruita, inkluzive de la flankaj deklivoj kaj la supra platformo por surmeti trakon aŭ supran ŝosean konstruon. – La klinitaj flankoj de taluso estas **deklivoj**, resp. **talusdeklivoj**. – Pri **digo**, miasupoze, ni interkonsentas, ke temas pri vorko iel baranta bordon kontraŭ akvo, aŭ baranta akvon en valo (valbaraĵo); ne indas ĝin miksi kun la nocio taluso. Se ni interkonsentas pri taluso kiel korpo, estas necese akcepti la verban formon **talus/i** nur laŭ la signifo (PIV 1): Konstrui taluson. La dua signifo de NPIV estas forigenda: „Doni al ŝakto, vojo, strato aŭ taluso certan oblikvan klinon rilate la horizontalon.“ Tiun nocion estas necese esprimi ekz. per la priskriba maniero: (pri)trakti talusdeklivon. La sugeston de Fabien: distingi terŝutaĵon „platforman“ disde „long-evolua“, mi rekomendas solvi laŭ lia propono: (Ab) taluso estas terŝutita korpo evoluanta en unu direkto, laŭ la bezono de konstruata komunika konstruaĵo. La unua versio (Aa) estu simple area (platforma) terŝutaĵo. – La termino menciita de la kolego Obradović: **eskarpo**, estas dekliva surfaco, sed ĝi apartenas al milita tranĉeo, sapeo, ankaŭ al la periferia defenda antaŭmurega fortikaĵo de historiaj burgoj (kasteloj) – vidu Esperantan Bildvortaron de R. Eichholz, la bildkomplekson 310, objekton 33a, ĉiam turnita fronte al sieĝanta malamiko. La rilaton al militista funkcio montras pluraj vortaroj, ekz. *Grand Dictionnaire Espéranto-Français* (G. Waringhien; france *escarpe*), *Esperanto Dictionary* (J. C. Wells; angle *escarp[ment]*), E. D. Krause rilatigas eskarpon al *Festungsbau* (ĉe fortreso, fortikaĵo). La ekspliko en PIV 2005 estas (bedaŭrinde) tro ĝenerala, la vinjeto ⊤ estas nepreciza. La vorto *escarpa* estas historia-milita internacia faka nomo uzata jam ekde la 16-a jarcento por interna flanko de fosaĵo, havanta defendan funkcion. Ampleksigi la signifon de la radiko *eskarp* al la ĝenerala nocio de talusdeklivo mi ne konsideras kiel faron prudentan.

**D-ron Hoffmann** mi informas pri ĉeĥa historia evento – historia leksikaĵo – kiu nuntempe preskaŭ ne estas konata. En arĥitektura enciklopedia vortaro verkita de Bohuslav Syrový (Prof., Dr., Ing.arch.), kiu min en la jaroj 1952-1954 instruis en la arĥitektura fakultato en Brno, mi legas: **taluta** *f* – (ĉeĥiĝinta esprimo,

el la sveda lingvo, devenanta probable el la franca *talus*, latina *talon*, signifas klinon), en la suda Bohemio la nomindiko signifas ŝosean fosaĵon, ĝia deveno verŝajne fontas en la tempo, kiam tie estis svedoj (1648).

**Nova temo 33 – lodnivelilo.** Preparante la novan jarkolekton de TAKE mi renkontis problemon: nomi historian ilon, helpe de kiu en fora paseo konstruistoj mezuris horizontalecon. Por la instrumento mi komence sciis nur la ĉeĥan kaj germanan nomojn (*krokvice f* kaj *Bleiwaage f*). Analogie kun la ekzistanta «bobelnivelilo» mi proponas la simetrian formon «lodnivelilo». Difino: **lodnivelilo** – historia mezurilo de horizontaleco – izocela ligna (aŭ metala) triangulo, el kies vertico pendas lodo kaj precize meze de la bazo estas streko (strekomarko); se la pinto de lodo direktas al la streko sur la bazo, la baza latero estas horizontala. Lodnivelilo estas antaŭinto de bobelnivelilo. La lodo havis la saman funkcion kiel la aerbobelo en vitra tubeto de la nuntempaj bobelniveliloj. – Lastmomente en interreto trovitaj ekvivalentoj: en: *carpenter's level, levelling plumet, pendulum level, plumb-rule, plummet, plumb line*; de: *Lotwaage, Bleiwaage, Setzwaage*; it: *archipendolo*; es: *plomada, plomo*; cs: *krokvice*. – Ĉu vi konsentas kun la nomo lodnivelilo?

## Postskribo al la 21-a KF-letero

La lastan alineon de tiu ĉi rubriko en KF 20 respondis al mi la franca kolego Rémy Bouchet tiel ĉi: Mi fakte estas pli proksima al la simpla leganto, antaŭ ol vera forumano. Mi daŭre, kiel mi faris ĝis nun, donados mian opinion pri la temoj por mi proksimaj, kiujn mi povas juĝi kompetente. WE: Tiu mesaĝo estas tro modesta, la kolego Rémy estas kaj ĉiam estis diligenta kaj serioza kunlaboranto. Ne, li estu membro de nia foruma kunlabora skipo. Ankaŭ la rusan kolegon Bronislav Ĉupin mi plu konsideros forumano.

Pluraj ricevantoj de KF ne esprimis sin pri sia rilato al la agadsfero de KF, ĉu ili sin konsideras „forumanoj" aŭ nur „legantoj" kun la rajto esprimi sian starpunkton al kiu ajn traktata temo. Ankaŭ la dua kategorio estas bonvena, eĉ se leganto ne estas konstru-fakulo. Ekz. Jiří Patera el Prago, eksprezidanto de tiea EK, komunikis al mi, ke la enhavo de TK lin tre interesas pro la flanko lingva, vortofara, kaj ankaŭ pro ties ĝenerale kleriga efiko, konstruaĵoj kaj arĥitekturo ja estas gravaj faktoroj formantaj la homan medion. Duaflanke inter vi povas esti tiuj, kiujn KF laŭvere ne interesas, eble eĉ ĝenas. Ili nepre informu min, ke mi ĉesigu ekspedadon de KF al ilia adreso.

Trastudinte la temojn diskutatajn en tiu ĉi KF-numero, formu pri ili vian opinion kaj komuniku ĝin al J. Werner (<...@...>) **antaŭ la fino de la monato aprilo 2010**. Samtempe vi povas komuniki viajn fake leksikajn problemojn kaj ankaŭ sugestojn por plibonigi nian agadon.

Por faciligi vian orientiĝon en la nune diskutataj temoj, mi resumas la temojn:

1. Ĉu vi konsentas kun la termino **vadoza akvo** anstataŭ enfiltra akvo (Blázquez), resp. vado**s**a akvo?
2. La esprimo **malpuraj akvoj** ne estas termino, sed proksimume sinonima nomo por rubakvoj defluigataj per kanalizacia sistemo.
3. **Recipiento** estas termino en akvomastruma fako, ĝi prezentas naturan akvoelementon, en kiu kolektiĝas ĉiuj precipitaĵoj (origine: pluvo, neĝo, hajlo, nebulo, roso), akvoj, kies kvalito malboniĝis pro homa agado, egale ĉu purigita aŭ ne, kaj kiu la akvojn parte retenas, parte gravite defluigas al oceano.
4. La terminoj **riverbaseno** kaj **basena dislimo** estas akceptindaj por hidrologia terminaro.
5. Mi (ne)konsentas kun la formoj **setleja rubakvo** (anstataŭ: urba aŭ komunuma rubakvo) kaj **polue maldensa rubakvo** (anstataŭ nur: maldensa rubakvo).
6. Mi konsentas (aŭ ne) kun la formoj a) **separa kanalreto**, b) **duonsepara kanalreto**, c) por la kanalreto, kiu defluigas pli da kanalaj akvospecoj, mi prefas la nomon: ĉu **miksa**, ĉu **unueca kanalreto** (?).
7. Esprimu vian opinion al la vico de kompletigaj elementoj (**ŝaktoj, baseno, laguno, kaptiloj**) en kanalizacia sistemo, kiel ilin prezentas Đorđe Obradović (p. 124-125). WE provizore notas nur, ke la elementojn „divida ŝakto" kaj „malŝarĝiga ŝakto" li vidas nesufiĉe eksplikitaj. Pri ĉiuj prezentitaj nomoj ni certe traktos en venontaj dokumentoj KF.
8. Post trastudo de la teksto pri **Kondukteco & konduktivo** (p. 123) denove pripensu la dilemon kaj informu pri via prefero, kun tialigo de via decido.
9. Informu pri via (ne)konsento koncerne la konkludojn faritajn de WE pri **taluso**, **digo**, **talusdeklivo**, **deklivo**, (**pri)trakti talusdeklivon** (anstataŭ „talusi").
10. Ĉu vi konsentas kun la proponita termino **lodnivelilo**?

Mi konscias, ke nia temaro sin ŝovis al kvazaŭ periferio de nia fako, ke kanalizacio por pluraj el vi estas fako apenaŭ konata, sed samtempe mi konscias, ke sen tiu speciala fako, ankaŭ ja konstrua, ne ekzistas moderna urbo, nek eta homa setlejo. Ni do ne subtaksu la aferon, ni studu aŭ konsultu ĉe niaj kolegoj specialistoj. Mi deziras al vi persistemon kaj favoran printempan venton.

Brno 2010-03-09 Jan Werner